# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*http://itranslate4.eu/*

**PLENUMITA 28/01/2016 Ducentkvindekkvara eldono 28/01/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj" korektitaj atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol **273,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO




Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn.

Ne lasu kopiojn sur bretoj. Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj

### aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon



**http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine**

Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

## 107. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



### Iom pli pri "de". G.

Unu ekzemplo de la Zamenhof'a apliko de ĉi tiu Regulo de Signiforedukto estas la jena. La ses participaj sufiksoj aplikiĝas al homoj, bestoj, aĵoj, kaj ecoj. Sed se tia adjektiva sufikso ŝanĝatas al substantivo, tiu sufikso

indikas nur homojn, laŭ la decido de Zamenhof. Do dum ni uzas la esprimojn "falinta homo" kaj "falinta arbo", la vorto "falinto" aplikiĝas nur al homoj, ne arboj k.t.p.

En mia libro "Lingvaj Resondoj", havebla ankaŭ elektronike, vi trovos pli da Zamenhof'aj kaj aliaj ekzemploj pri la aplikado de ĉi tiu Regulo, kiu ankaŭe estas geniaĵo de Zamenhof. Mi do, antaŭ dek jaroj, sukcese eltrovis kvar esprimojn, prepoziciojn aŭ prepoziciaĵojn, por la kvar malsamaj signifoj de "de", danke al la genio de nia Majstro.

Marcel Leereveld.

# Internacia Tago de la Gepatra Lingvo




- 21-a de Februaro 2016

Ĉiujare UEA aliĝas al la festado de ĉi tiu tago farita de Unesco. Ĉi jare UEA pretigis afiŝetojn, kiujn vi bonvolu uzi por konatigi la tagon (kaj Esperanton) al NE-esperantistoj. Vi trovas la afiŝetojn en
http://uea.org/vikio/Internacia_Tago_de_la_Gepatra_Lingvo .

www.linguistic-rights.org/21-02-2016/geplingv-EN.jpg

Mi aldonas unu version de la afiŝeto en la angla.
Renato Corsetti
UEA: zorgantoj pri informado

# La kompatindaj eŭropanoj.



La eŭropanoj trovas malfacila, kompreni la strukturon de Esperanto. Tial ili emas krei Esperanton, kvazaŭ ĝi estas eŭropa lingvo. Ĝi ne estas, ĉar ĝi havas sian propran strukturon, kiu ofte similas al la eŭropaj gramatikoj, kaj ne malofte malsimilas. Tute malsimila estas ekzemple la pasiva voĉo, kaj parte ankaŭ la preterito. Malsimila al la latinidaj lingvoj estas ekzemple la vortpluformado, kaj malsimila al la ĝermanaj lingvoj estas la futuro.

Alia karakteraĵo de Esperanto estas ke, kie eblas, ĉiu nocio reprezentatas de unu vorto. Kompreneble la naturo devigas nin kelkfoje uzi pli da vortoj, se la signifo estas tro komplika por unu vorto, ekzemple la malsano ajdso. En tiaj tre malmultaj kazoj ni enkondukas neologismon.

Tiu regulo ke unu afero reprezentiĝas per unu vorto validas kompreneble ankaŭ por la propraj nomoj, se ili estas Esperantaj. Tio inkluzivas la nomojn

geografiajn. Ĉi prie la kompatindaj eŭropanoj ne kapablas kompreni, ke en Esperanto ĉiu geografiaĵo bezonas unu vorton, kian ajn. Ili do erare kreas kaj uzas kombinaĵojn kiaj Rio de Ĵanejro, en tri vortoj kun aŭ sen streketoj . Same la Maro de Galileo kaj la Roka Montaro. Eĉ la landoj Nov-Zelando aŭ Nova Zelando, kaj Granda Britujo. Eĉ Nov-Sud-Kimrujo. Se oni ne ŝatas diri Njusaŭzvelso, kiel oni netraduke diras Kvinslando, oni almenaŭ skribu en unu senstreketa vorto Novsudkimrujo. Krome la kompatindaj eŭropanoj ne komprenas, ke Novzelando ne estas vortkunmetajo, sed unu nedividebla radiko, ja reprezentanta nur unu nocion, la landon de tri insuloj (tial mi nomas ĝin Njuzelando). Estas aĉaĵo eŭropigi la aŭtentikan Esperanton.

Marcel Leereveld.



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)








## Aŭstralia Tago 26an de Januaro



**Pri 3ZZZ radio** En la elsendo de la 25a de Januaro 2016 Matt klarigas ĉefe por la eksterlandaj aŭskultantoj kio estas Aŭstralia Tago. Sed lia parolado povas esti la deirpunkto de debato inter la aŭstralianoj.

Aparte se vi intencas ĉeesti la Universalan Kongreson en Nitra, aŭskultu la intervjuon de Katarina Novodniĉkova pri la eduksistemo en Slovakujo.

Agrablan aŭskultadon deziras al vi la kunvokanto de la Esperanto grupo en 3ZZZ, Franciska Toubale